# Etnismo

N-RO 26 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 20.12.80




## ĈU ESKIMA RENESANCO?

La eskima etno vivas ekstreme dise tra kvar ŝtatoj, sed konservas sufiĉe ampleksan unuecon de lingvo kaj kulturo, kun certaj influoj konstateblaj ĉefe inter la sudalaskaj ĉugaŝoj kaj aleutoj, - influoj kiuj venis de la nordokcidentaj indianoj. La sume proksimume 100.000 eskimoj (inkluzive de la aleutoj) distribuitas jene:

| | |
|---|---|
| GROENLANDO (aŭtonoma teritorio ene de la dana ŝtato): | proksimume 42.000, el kiuj 40.000 havas ankaŭ danan sangon; |
| ALASKO (unu el la 50 federacianaj ŝtatoj de Usono): | 38.000, el kiuj laŭdire nur 10.000 parolas la eskiman lingvon; |
| KANADO: | 18.000; |
| SOVETUNIO: | 2.000, el kiuj nur la duono parolas la eskiman. |

Unu el la plej gravaj problemoj inter eskimoj estas la alkoholismo, en kiun la eskimojn pelas ofte la frustriĝo spertata inter la blankuloj en ties civilizacio. Kion faru la juna eskimo forlogita el sia hejma ĉirkaŭo kaj ĵetita en la vilaĝojn kaj urbojn de la amerikanoj aŭ danoj? Li faras ekzakte same kiel tiuj blankuloj kiuj venas el kamparana medio en grandurbon!

Alasko-turistoj ofte vizitas la plej nordan urbon de Usono, Barrow, kiu havas 2.5oo enloĝantojn. Oni havas la impreson aŭtobusi tra miksaĵo de esplorcentro kaj rubejo: gastuboj inter ĉiuj lignaj domoj, fekaĵujo antaŭ la domoj, civilizacia rubo interdome --- malplenaj ladskatoloj kaj ne plu uzeblaj aŭtoj. La iam tipa eskimo veturilo, la hunde tirata sledo, malaperis. Restis malmultaj sledhundoj: Oni bredas ilin proksime de Fairbanks por la ĉiujara 14-taga vetkurado de hundosledoj tra Alasko.

La ĉefaj fontoj de la eskima ekonomio estas la ĉasado de balenoj, fokoj kaj karibuoj (speco de boaco) en norda Ameriko; en Groenlando pligraviĝis la fiŝkaptado kiam la fokoj migris pli norden, kaj oni ankaŭ enkondukis ŝafbredadon kaj iomete da agrikulturo. La ekonomia "modernigo" - konkrete: la ekspluatado de la ne malmultaj krudmaterialoj (petrolo ekzemple apud Beechey Point, oro en la ekstrema okcidento de Alasko, petrolo kaj natura gaso apud Anchorage, ktp.) - portas al la eskimoj - simile kiel al ĉiuj aliaj etnoj - diversajn agrablaĵojn, sed samtempe deviigas ilin de iliaj tradicio, lingvo kaj konataĵoj.

La situacio de la eskima lingvo estas, logike, malfavora, ĉar socia supreniĝo ŝajnas vole-nevole ligita al la laŭeble perfekta scipovo de la ŝtata lingvo, kio validas ankaŭ por Groenlando malgraŭ la aŭtonomio instalita la 1-an de majo 1979. En Usono la indiĝenaj lingvoj nur depost 1972 rajtas uzati en lernejoj. Nun ekzistas kurseto pri eskimaj lingvo kaj literaturo en la privata "universitato" de Barrow. La instituto pri indiĝenaj lingvoj en la la universitato de Fairbanks restas sufiĉe senefika, ĉar ne ekzistas la bezonata nombro da dulingvaj instruistoj kaj la nombro da indiĝenaj lingvoj estas tro granda: Laŭdire temas, sole en Alasko, pri 2o diversaj lingvoj. Estas konate ke en Groenlando jam de multaj jaroj la afero statas pli bone pro la dulingveco eskima/dana.

Eskima renesanco estas konstatebla plej okulfrape en Kanado, kie pli kaj pli da ofte bone instruitaj eskimoj forlasas siajn urbajn loĝejojn kaj reiras al la lokoj de siaj prauloj. Unue tiu "reen-sur-la glacion"-movado estis rigardata kiel laŭmoda nostalgiaĵo, kaj la kanada registaro forte kontraŭis ĝin. Intertempe la registaro ŝanĝis sian starpunkton kaj eĉ iom subtenas finance la reiremulojn: Ili ricevas tre simplan lignodometon, iom da benzino por la motora sledo kaj sumeton da mono. Malgraŭ la simpleco la vivo en la tradiciaj eskimoj loĝlokoj ne nepre signifas malriĉecon, ĉar la komercado kun la sudo tamen enspezigas ilin sufiĉe bone. Jen kuniĝas novo kaj malo, kiam oni manĝas krudan viandon aŭ grason, keksojn, konservitaĵojn kaj trinkas "Coca-Cola"-n, kiam ekbruas la pil-energiaj magnetofonoj de la gejunuloj kaj kiam la virinoj maŝinkudras la somerajn tendojn. Tie la infanoj restas sen lernejoj kontraŭe al antaŭa epoko kiam ili vivis en internejoj malproksimegaj kaj normale tra jaroj (!) ne revidis siajn gepatrojn. Tiuj eskimaj infanoj estas precize sur la spuroj de siaj antaŭuloj lernanen kaj el la naturo.

Juna eskimo, mem lerninta en internejo, trafe skizis la perdon de etna identeco: "Ni kreskadis kaj hontis esti eskimoj." Tiu konstato estas tre klara verdikto kontraŭ la kanada integrigo-politiko: Ĝi fiaskis forŝirante la eskimojn el sia origina medio kaj malsukcesante enradikigi ilin en la socio de la blankuloj.

## KONCIZE EL.....

BRUSELO. Ĉi-aŭtune estis eldonita la unua trilingva poŝtmarko en la historio de Belgio. La 9-franka ekzemplero diras ke ĝi venas el BELGIQUE - BELGIË - BELGIEN (do, france, nederlande kaj germane).

RENNES. La Esperanto-Klubo de tiu ĉi urbo, kunlabore kun "Kuzul ar Brezhoneg", ĵus eldonis du novajn festkartojn kun bondeziroj en la bretona kaj la Internacia Lingvo. Detalojn ĉe: R.E.K., 9, square de Provence, F-35ooo Rennes.

STOLBERG. Kiel oni diras en kutime bone informitaj rondoj, ETNISMO dum 1981 havos denove minimume 2o-paĝajn numerojn!

# OKCITANIO

## LIMOJ, SURFACO KAJ ... PERSPEKTIVO

Malgraŭ tio ke Okcitanio ankoraŭ ne havas aŭtonoman administracion, ĝi estas almenaŭ scienca realaĵo objektiva. Tiel difinas la tuton de la Okcitanaj Landoj la okcitana lingvisto Jacme Taupiac.
Okcitanio lingve kaj kulture etendiĝas tra 31 sudaj departementoj de la franca ŝtato, la Aran-valo (hispana ŝtato) kaj la Altaj Piemontaj Valoj en la itala ŝtato. (Komparu la mapskizon en la sekvanta paĝo.) Entute kun 190.000 kvkm ĝi superas multajn aliajn eŭropajn ŝtatojn.
De antaŭ 10 jaroj evidentiĝas ĝenerala scivolemo pri Okcitanio kaj okcitanismo, ĉu por desegni ĝiajn randojn, ĉu por furioziĝi pro ĝia ekzisto, ĉu por provi la refaron de ĝiaj elementoj kaj perspektivoj. Ŝokas la fakto ke la franca ŝtato kiu obstine malrekonas Okcitanio rekonas tamen ĝian partoprenon en la malfermita debato pri la ekfunkciigo de tiu nocio kiun la neceso altrudis: la "Granda Sud-Okcidento". Tamen tio ĉi estas ankoraŭ ne pli ol teknokrata konstruaĵo kies detaloj geografiaj, historiaj, humanaj, kulturaj kaj ekonomiaj direktiĝas al esenca realaĵo.
La faktoj estas obstinaj. Okcitanio ekzistas - kaŝita aŭ ne - ĝuste en la koro de tiu ĉi Eŭropo kiu havas tiel malfacilan naskiĝon, ĉar ĝi celas la ŝtatojn kaj rifuzas konsideri iliajn konsistigajn popolojn, etnojn. Nur Eŭropo alportos esperon se ĝi frakasas la ŝtatojn kaj novkoloniistajn sufokilojn.

## LA OKCITANA LINGVO

Kiel ĝenerale konate, la okcitana lingvo ne estas unueca tra ĝia tuta teritorio. Ĝiaj grandaj dialektoj estas la langvedoka kaj la provenca en la sudo, la nordokcitana (kun kelkaj subdialektoj), la gaskona en la sudokcidento. Ĉi-lasta estas la plej malsimila en la familio de la okcitanaj dialektoj.

Kiu (kaj kia) estas la v e r a okcitana lingvo? Ne ekzistas okcitana lingvaĵo bona aŭ malbona, eĉ ne dialekto pli bona ol alia. La okcitanaj lingvistoj konsideras same indaj ĉiujn lokajn lingvaĵojn. Spite al tio iuj ankoraŭ dubis pri la okcitaneco de Gaskonio pro ĝia malsimileco, same kiel kelkaj "felibroj" ( = modernaj provencaj poetoj) opinias pri Provenco. Robert Lafont opinias ke ĉiu okcitano rajtas paroli kiel li fakte parolas, kaj sur tiu ĉi fundamento oni povas antaŭeniri konstruante estontan komunan lingvon.
Ivas Roqueta opinias ke la okcitana lingvo estas unuo interne de sia diverseco kaj oni preferas ĝin diversa kaj samtempe unueca. La signo de la lingva unueco estas la skribsistemo de la gramatikisto Lois Alibert de la Instituto por Okcitanaj Studoj (IOS).
Antaŭlonge oni faris la provojn, kaj rezultis ke oni povas apliki la skribsistemon de IOS en ĉiuj dialektoj kaj parolmanieroj okcitanaj respektante iliajn apartaĵojn.
Malgraŭ ĉiuj deklaroj favoraj al la unueco interne de la diverseco, la komunikiloj, kiel gazetaro kaj radio, laŭte postulas komunan okcitanan lingvon. Ĉi-tiu okcitana lingvo - epitetata "komuna" ĉar ĝi celas fariĝi komuna al ĉiuj okcitanoj - realiĝis danke al la lastaj laboroj de Pèire Bec kaj Rogièr Taulat, kiuj konsideras ke tiuj parolmanieroj estas la lokaj variaĵoj de sama lingvistika unuo kiu estas la okcitana lingvo. Tiu ĉi formo de la lingvo estas la tiel nomata referenca okcitana lingvo. La morfologio kaj la vortaro estas elektitaj surbaze de ilia plej granda geografia disvastigo. La selektaj kriterioj ne estas sentimentalaj nek apartenas al la gepatra lingvaĵo de la aŭtoro, sed ili estas sciencaj.

## LA OKCITANA ALIENECO

La Franca Revolucio detruis ĉiujn postrestantajn naciojn en granda kaj en-

(Daŭrigo en paĝo 5.)


LA TERITORIO DE LA
OKCITANA LINGVO
(laŭ mapo desegnita fare de Jacme Taupiac, Montalban)
Culan
Montluçon
Vichei
Avalha Limosina
Limòtges
Clarmont Ferrand
Sant Bonet lo Castèl
nordokcitana
Peiregús
Romans
Valença
Briançon
La Tor Pellis
Lo Borg
Sant Dalmàs
Bordèu
Ròse
Garona
gaskona
langvedoka
provenca
Avinhon
Niça
MONAKO
Montpelhièr
Baiona
Tolosa
Marselha
Tolon
Pau
Carcassona
Salses
Perpinyà
Vielha
Prada
Andorra la Vella
ANDORO
Girona
............. ŝtataj limoj ne kongruaj kun la lingvolimo.

(Daŭrigo el paĝo 3.)


tuziasma movado. Neniu antaŭvidis ke la "Nacia Kontrakto" fariĝos la plej granda artifiko historia. La Konvencio iniciatis kampanjon kontraŭ la parola uzo de la regionaj lingvoj. La publika lernejo gvidis la komision kaj eksportis ĝin ankaŭ al la kolonioj. Tial la liberiga krio en Madagaskaro estis "La franca --- lingvo de sklavoj!".

La okcitanoj mem, forgesante siajn interesojn proksimajn kaj malproksimajn, kaj la nekompreno de ilia historio kaj la nekonstato de ilia teritorio estis la plej bonaj kunlaborantoj en la koloniado de ilia lando. Ili fariĝis la plej agemaj pri la propra malokcitaniĝo lingva kadre de la Nacia Lernejo batale kontraŭ la propra loka parolmaniero. Tiu procedo favoris ilian alienecon kiel popolo. La okcitana burĝa klaso malaperis kunfandiĝante kun la franca kapitalistaro. La konkretajn revoluciajn oportunecojn oni oferis sur la altaro de la nacia unuiĝo franca. Tiel en Okcitanio en 1851, 1871, 1907 kaj 1944 oni abortigis la eblecojn de popola regad-akiro. Ĉio troviĝis katenita al la franca potenco.

La tutan naciistan ideologion de la ŝtatoj oni konstruis per falsa kaj mita historio surbaze de malestimo al la kontraŭstaranto. Oni ignoras la faktojn plej elementajn, ĉar la franca sistemo malebligas ilian disvastigon. Kiel ekzemplo, la Franca Ĝenerala Inspektado rifuzas ĉiun ajn lernolibron enhavantan lingvan mapon de la ŝtato. La plej granda parto de la okcitanoj tute ne scias ke ilia parolmaniero estas la fama lingvo de la trobadoroj. Eĉ multaj licenciuloj pri beletro tion ne scias! Tio estas ero de tio kion la okcitanoj nomas "historia ŝtelo".

Pli ol triono de la tuta enloĝantaro de la franca ŝtato ne estas de francaj lingvo kaj kulturo. Spite al tio la kultura genocido daŭras kun kolero kaj cinikeco nekredeblaj.

Ankoraŭ validas tiu diraĵo el la informo de Barras de 1794: "En libera popolo la lingvo devas esti nur unu kaj la sama por ĉiuj." La francaj revoluciuloj opiniis ke la plej bona nacia unuigilo estas la lingva unueco (kiel same opiniis Stalin pli malfrue). Ekde François Villon Francio ripetas: "Ekzistas nur la bona parolmaniero de Parizo." Dume la aliajn lingvojn oni malestimas: La bretona estas lingvo de stultuloj; kaj simile oni parolas pri aliaj. Eĉ en 1903 inspektoro serĉis la kunlaboron de la bretona eklezio por eviti ke la infanoj prenu la komunion se ili ne parolas la francan.

Nuntempe la situacio ŝajnas iomete ŝanĝiĝi, sed oni devas memori ke la aŭtoro de la Deixonne-leĝo (de 1951) kontraŭis la egalrajton inter la franca kaj la aliaj lingvoj! Tamen la origina kadro pliampleksiĝas, kvankam en nekomprenebla malrapideco kies celo eble estas ke la lasta okcitano intertempe mortu .....

Malgraŭ la fakto ke la okcitana estas nur fakultativa fako, dum 1977 10.000 abiturientiĝontoj elektis tiun ĉi fakon.

Tamen la okcitanoj postulas la plenan rekonon de ilia lingvo. Tiucele oni iniciatis la kampanjon: "La okcitana --- nacia lingvo!", kiu kolektis milojn da subskriboj. La lukto daŭras, ĉar Francio daŭre rifuzas la okcitanan lingvon en la lernejo kaj en la amaskomunikiloj. La simpati-deklaroj nenion utilas, kaj en internacia juro Francio kulpas pri kultura genocido.

(La aŭtoro de la ĉi-supra kontribuaĵo estas Enric GARRIGA I TRULLOLS, Ĝenerala Sekretario de la Instituto por Ekstera Diskonigo de la Kataluna Kulturo kaj de la Frata Rondo Okcitana/Kataluna; la tekston tradukis Llibert PUIG I GANDIA, Vicprezidanto de IKEL.)

* * * * * * * * * * * * *

Komento pri la mapskizo de la antaŭa paĝo: Supozeble vaskoj ne komplete kontentas pri la limo indikita inter la eŭskara kaj la okcitana lingvoj, ĉar tiu ĉi mapeto montras la urbon Baiona klare okcitana, dum ĝi certe estas okcitana kaj eŭskara.

ujm

Cetere, tiu ĉi mapo, kombinita en A-3-formata folio kun mapo de la Katalunaj Landoj, estas aĉetebla per 5,- ff (inkluzive afrankon) ĉe la aŭtoro: s-ro Jacme TAUPIAC, Sant Marçal, F-82 000 Montauban.

Intervjuo kun MARIO SANCHEZ SILVA

# ĈU PETROLO KONTRAŬAS ETNAJN LINGVOJN?



Mario Sánchez Silva

Okaze de kunsido de la Federacia Konsilantaro de la Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK) en Turin (Piemonto, Italio), en decembro 1979, ETNISMO povis paroli kun la reprezentanto de la meksikiaj indiĝenoj ĉe AIDMLK, s-ro Mario Sánchez Silva. (Komparu ankaŭ la materialojn publicitajn en ETNISMO 19, p. 3 - 1o.)

**Ĝenerale, kia estas la nuna situacio de la indiĝenoj de Meksikio?**

Kiel vi scias, antaŭ 5 jaroj estis fondita la Supera Nacia Konsilio de Indiĝenaj Popoloj" (SNKIP), kiu organizis ĝis nun jam 3 kongresojn (en 1975, 1977 kaj 1979). La membroj de SNKIP estas la prezidantoj de la 75 etnaj konsilioj de la tuta ŝtato. Ekzemple, la demokratie elektita prezidanto de la nahuatla konsilio estas Carlos López Avila, kun kiu ETNISMO jam faris intervjuon antaŭ pli ol 2 jaroj kaj kiu reprezentis nin dum la AIDMLK-kongreso en Barcelono, somere 1978.

**Kiun starpunkton defendas tiu SNKIP?**

SNKIP ĝenerale postuladas de la meksikia socio kaj ties registaro RESPEKTON DE LA DIVERSAJ ETNAJ LINGVOJ kiujn oni ne plu konsideru dialektoj.

**Kaj kiel reagas la registaro?**

Ŝajnas ke nuntempe la registaro pretas akcepti tiujn malnovajn kulturojn kiel trezoron kiu multegon kontribuis al la universala kulturo: en medicino, matematiko, astronomio, filozofio, arkitekturo ktp.

**Ĉu la registaro konkrete subtenas la klopodojn de SNKIP?**

Nu, la meksikia registaro starpunktas ke la diversaj etnaj grupoj devas mem solvi siajn problemojn, kaj ĝi lasas al ni la liberecon labori por atingi tiujn solvojn. Tamen, la amas-komunikiloj estas monopoligitaj tiel ke ĉiujare aperas nur 4 aŭ 5 radioprogramoj kaj eble 2 televidaj programoj pri la indiĝenaj problemoj.

**Ĉu tio estas pli ol ŝajn-libereco?**

Tio estas la rekta spegulaĵo de nia lando de sinkontraŭdiroj, kaj la limigojn de nia libereco diktas la klas-batalo inter la potenculoj kaj la senproprietuloj.

**Kiel statas la indiĝena proprieto de tereno?**

Malbonege. Iam pli ol 90 % de la tero estis komunuma laŭ la tradiciaj indiĝenaj formoj. Tiam oni kreis latifundiojn kiujn estis ofte en la manoj de

eksterlandanoj. La meksikia revolucio, komence de tiu ĉi jarcento, ĉesigis la latifundiismon kaj restarigis la aztekan "kalpulion", kies karakterizaĵo estas ke la tereno apartenas al unu familio kiu rajtas prilabori ĝin por vivteni sin kaj heredigi ĝin al la infanoj, sed kiu neniel rajtas ludoni aŭ eĉ vendi ĝin. Kaze de morto de seninfanaj geedzoj la tereno estas donenda, fare de speciala komisaro, al senproprietulo. Se la nova posedanto dum 2 jaroj ne kultivas la terenon, li perdas la rajton pri ĝi. (En la azteka socio ekzistis, krom tiu ĉi proprieto-formo de "kalpulio", ankaŭ la "kalpulalio" kiu ampleksis terenojn kolektive kultivatajn por vivteni la nobelojn; la tria formo estis la "miĉilmalio": tereno kolektive prilaborata por vivteni la armeon.)

Do, kial estas malbona stato post tiu redistribuo de terenoj?

Fakte, tuj post la Revolucio, ĉiu familio disponis pri proksimume 2o - 3o hektaroj da agro, sed nuntempe estas mezume nur 5 - 1o hektaroj, kaj 4 milionoj da kamparanoj estas sen tereno. La kaŭzoj estas jenaj: La enloĝantaro de Meksikio intertempe kreskegis senlime, kaj denove privatuloj reakiris terenojn similajn al la iamaj latifundioj! El la totala agraro de nia lando, 4o % estas "kalpulioj" (kastilie: "ejido"), 2o % estas komunuma proprieto kolektive eksplutatata, kaj 4o % estas privata proprieto de individuoj! Krom ĉio alia, unu sekvo el la mizera stato de la agroproprieto estas la fakto ke Meksikio, kiu antaŭ kelkaj jardekoj eksportadis maizon, nun devas importi tiun grenon por nutri sian enloĝantaron!

Kion vi povas diri pri violentaĵoj en la kamparo?

Jen, en la kamparo naskiĝas la problemoj, la kvereloj, ĉar iuj individuoj forprenas terenojn de la "kalpulioj", kaj la malfavoratoj, ofte indiĝenoj, ne vidas alian rimedon ol okupi la rabitajn terenojn. Iuokaze la latifundiistoj dungas banditojn kiuj eĉ ne hezitas murdi "maloportunajn" instruistojn kaj aliajn aktivulojn.

Ĉu la riĉeco pro petrolo helpas la indiĝenojn?

Ĝis nun tute ne. Meksikio jes ja situas sur petrol-spongo, sed ni bezonegas multajn modernajn eksplutatilojn aĉetendajn en eksterlando, ĉar ni mem ne produktas ilin. Konsekvence nia ŝuldo en eksterlando pligrandiĝas senlime pro tiu politiko de industri-evoluigo, kaj krome la malegaleco inter industriaj kaj agrikulturaj laboristoj kreskadas. Multegaj kamparanoj forlasas siajn vilaĝojn kaj aniĝas al la urba proletaro, kio preskaŭ ĉiam signifas perdon de la etnaj ligoj.

Por reveni al la SNKIP-kongresoj, kion ili faras?

En tiuj kongresoj ni diskutas ĉiajn problemojn de la indiĝenoj, ne nur kulturajn, en 12 - 15 diskutforumoj. La prezidento de la Respubliko kutimas ĉeesti, kaj li aŭdas la ideojn kaj postulojn de la kongreso. - Plie, en tiuj kongresoj ni prezentas niajn kulturojn, forme de kantoj, dancoj ktp. Tie ni uzadas niajn etnajn lingvojn.

Ĉu la etnaj lingvoj aperas en la rilatoj kun ŝtataj aŭtoritatoj?

Ne. Oni ne povas, por doni ekzemplon, registrigi ĵusnaskiton nahuatlalingve. Tie validas nur la kastilia lingvo kiel la oficiala lingvo de Meksikio. La etnajn lingvojn ni povas utiligi nur private.

Kaj etnalingvaj radioprogramoj, gazetoj kaj revuoj?

Ja ekzistas, sed nur en malgrandega eldonkvanto kaj nur sur regiona, loka nivelo. Por fari ion pli ampleksan mankas la financaj rimedoj, kaj la ŝtato neniel helpas nin.

Kion faras la Nacia Instituto Indiĝenisma?

Depost sia fondiĝo en 1942, ĝi faris ... preskaŭ nenion!

* * * * * * * * * * * *

# SOVETUNIO TAMEN *ne* ESTAS ETNA PARADIZO!

## LEGU LA ISAJEV-LIBRON, SED SKEPTIKE.

En 1977 aperis en Moskvo, la ruslingva originalo kaj ĝia anglalingva tradukaĵo de "NACIAJ LINGVOJ EN USSR: PROBLEMOJ KAJ SOLVOJ" (angle: "National Languages in the USSR: Problems and Solutions"), Progress Publishers, 431 paĝoj, 10,5 x 16,5 cm, verkita de Mahomet Izmajloviĉ ISAJEV.

Post kvazaŭ-enkonduko pri bazaj terminoj kaj ideoj pri lingvoj, Isajev, en pli ol 150 paĝoj, prezentas pli-malpli skizajn informojn pri la 130 lingvoj de Sovetunio menciante nombrojn de uzantoj, regionojn, apartenon al la lingvo-"familioj", datojn de la ekstera lingvo-historio (aboco, alfabetiĝo k.s.). Sekvas ĉapitroj pri la rilatoj inter la etnaj grupoj en "burĝaj" ŝtatoj kompare kun Sovetunio, pri la lingvopolitiko de Lenino, pri la ekflorado de "socialismaj" nacioj en Sovetunio, pri la rusa kiel "interlingvo" de USSR kaj pri lingvo-planado (kie la aŭtoro traktas ankaŭ la Internacian Lingvon). La aldonita mapeto estas tre supraĵa (mankas, ekzemple, signoj por la jida kaj la germana. Richard E. WOOD recenze kritikas aron da eroj de tiu ĉi libro: la kreon de novaj normlingvoj, la rifuzon de alternativaj formoj, la politikajn motivojn de la soveta lingvoevoluigo, la nemencion de la intimaj lingvistikaj rilatoj inter la moldava kaj la rumana, la nefavoradon al la karelia, la mankon de informoj pri ekzemple la pola lingvo parolata en Sovetunio de probable unu miliono da homoj, ktp. La recenzanto notas la informon pri la interlingveco de la rusa por komunikado inter litovo kaj latvo, uzbeko kaj kazaĥo, sed li demandas pri esplororezultoj tiukampaj. Krome, Wood dubas pri la adekvateco de la statisma rigardo fare de Isajev: La lingvoj evoluas, kreiĝas slangoj, piĝinaĵoj ktp., sed Isajev ĉion ĉi neglektas.

Resume, la libro de Isajev estas tute utila kompilaĵo de la oficiala lingvopolitiko de Sovetunio. Ĉiukaze dokumentiĝas, ankaŭ per tiu ĉi libro ke Sovetunio faris multajn klopodojn, tra la jardekoj, por forigi la analfabetismon de la plej multaj etnoj kaj por levi tiujn 130 lingvojn sur pli-malpli aktualan nivelon.

## ĈU ETNOCIDO EN LA BALTAJ RESPUBLIKOJ?

La MONDA UNUIĜO DE LA LIBERAJ LATVOJ (400 Hurley Avenue, Rockville, MD. 20850, Usono) somere en 1980 atentigis la publikon pri la lingva imperiismo de Sovetunio kontraŭ latvoj kaj aliaj ne-rusoj. Memorigante pri brutala dividokontrakto inter Stalino kaj Hitlero pri Pollando kaj la tri baltaj ŝtatoj (Latvio, Litovio kaj Estonio) de 23./28. 08. 1939 kaj skizante la sovetunian okupadon de la baltaj ŝtatoj en junio 1940 respektive 1945, t. e. post la forpelo de la naziaj armeoj, la dokumento formulas kelkajn akuzojn kontraŭ la prietna kaj prilingva politiko de USSR. Sendube estas demonstro de rusigado ke en 1979 nur 53 % de la enloĝantoj de Latvio estis latvoj en etna/lingva senco, dum en 1939 estis ankoraŭ 76 % (1959: 62 %, 1970: 56 %). Dum en 1939 ankoraŭ 83 % de la publicitaj libroj estis latvalingvaj, en 1960 estis 64 % kaj en 1977 nur 52 %. La Unuiĝo riproĉas al la soveta registaro ke ĝi importas kaj nelatvajn laboristojn (ĉiujare inter 15.000 kaj 18.000) kaj krudmaterialojn kaj ke ĝi elregionigas la latvajn soldatojn. La rusa lingvo pli kaj pli graviĝas kiel instrulingvo en latvaj lernejoj, kaj - laŭ raporto de latva universitata profesoro - en la kurso pri latva lingvo oni apenaŭ plu instruas la lingvon, sed nur ri-




petigas marksimajn ideologiajn sloganojn. Tri el la kvar ekzistantaj televidstacioj sendas ekskluzive ruslingvajn programojn, dum la kvara stacio sendas dulingvajn programojn. La Unuiĝo denuncas Sovetunion pro la trudado de la rusa lingvo en infanvartejoj, lernejoj, universitato, oficejoj, fabrikoj kaj eĉ en familioj!

La latva popolo obstine kontraŭstaras la atencon fare de la USSR kontraŭ la spirita kaj materia integreco de Latvio. Sed, kiel konate, la reprezalioj aplikataj kontraŭ la rezistantoj estas radikalaj: translokigo en alian parton de Sovetunio estas "humana" paŝo, lokigo en psikiatra kliniko ne estas escepto. La Unuiĝo alvokas ĉiujn liberemulojn insiste kaj senĉese protestadi kontraŭ la subpremado de la latva kaj la aliaj etnoj de Sovetunio.

Evidente ne temas nur pri malproksim-cela projekto direktita kontraŭ la diversajn etnojn, sed ankaŭ aŭ precipe temas pri la ĝisosta batalo kontraŭ kiu ajn pluralismo, kontraŭ kiu ajn vario, kontraŭ kiu ajn kontraŭstaro al la socia ideologio de marksismo, laŭ ties moskva skolo. La fakto ke latvaj kaj moldavaj kaj tataraj verkistoj ne rajtas libere skribi, derivendas unuavice de la diktatoreca pretendo de la komunisma partio scii sola la nuran veron, kaj la ne-rusa lingvo estas nur duavica obstaklo! Sume, la nuntempe reale ekzistanta "socialismo" (kiu malproksimeĝas de aŭtentika marksismo) - tre simile kiel ĉiuj diktaturoj inkluzive faŝismon - esence malakceptas aŭtonomion, ĉu ekonomian, ĉu kulturan, ĉu administracian, ĉu filozofian.

## RELIGIAJ KOMUNUMOJ KAJ ETNAJ LIBERECOJ

Konsiderante la diritaĵojn ne surprizas enkarcerigoj de la ortodoksa pastro Gleb Jakunin, la protagonistino Tatjana Velikanova (kiu defendadis la Krimeajn tatarojn) kaj Anatanas Terlekas (de Vilno, Litovio). La sovetsocialismo ne povas toleri, kun ĉiuj konsekvencoj, la diversajn religiojn, ĉar tre simple ili pridubas la "veron" distrumpetatan fare de la komunista partio, la ateismon. Estas plej normale ke religiaj apostoloj pretendas la rajton "instrui" al siaj kredantoj la ĉi-mondajn konsekvencojn el la religia doktrino. Kio pli logika ol suspekti kaj persekuti tiujn kiuj publike defendas iun dion (anstataŭ prediki la laŭideologian sendiecon) kaj postulas de la kredantoj agojn kontraŭajn al la partia programo?!

Eble la plej interesa kazo, en la kampo de la rilatoj inter la USSR kaj la religiaj komunumoj, estas tiu de la islamanoj. Kiel ekspliki du nombrojn ripetatajn de sovetuniaj aŭtoritatoj kaj inter si kontraŭdirajn? Ĉu en la USSR troveblas apenaŭ 3 milionoj da sufiĉe kadukaj islamanoj aŭ 50 mili-

onoj da diversaĝuloj lerte kombinantaj ateisman ŝtatideologion kun la religio de Mahometo? Hélène CARRÈRE D'ENCAUSSE, profesorino en la Instituto de Politikaj Studoj de Parizo, direktorino de la Ciklo de Sovetiaj Studoj kaj aŭtorino de la libro "L'Empire éclaté" (t.e. "La imperio disiĝinta"), esploris i.a. tiun ĉi problemon en artikolo aperinta en la fama liberala taggazeto franca "LE MONDE" kaj poste en la samtendenca kastilia taggazeto "EL PAÍS" (1o. o1. 198o). Laŭ tiu ĉi aŭtorino, Lenino intencis utiligi la muzulmanojn, tuj post la oktobra revolucio en Rusio, por pluporti la torĉon en la islamanajn popolojn de la Maŝreko. Tial apud la suda limo de la ĵus kreita nova ŝtato miksiĝis marksismo, islamo kaj etna liberigo en unu solan ampleksan movadon. Unua rezulto de tiu strategio estis la provo de marksisma mulao, Mirza Kŭĉik Ĥan, starigi en norda Irano Sovetan Socialistan Respublikon. Sed jam en 192o la bolŝevistoj konstatis la danĝeron: Mahometanoj aŭ organizis rezistomovadon en Centrazio (aktivan ĝis fine de la 2o-aj jaroj) aŭ klopodis konkeri la komunistan partion de interne! Do, la nova ŝtato ekdetruis la muzulmanajn instituciojn (fondaĵojn, tribunalojn kaj religi-lernejojn), malpermesis islamajn kutimojn kaj deklaris la mulaojn parazitoj, kontraŭmoraluloj kaj kontraŭrevoluziuloj. La moskeoj estis fermitaj, kaj la ŝtato ŝajnigis neekziston de islamanoj. Kiam, dum la Dua Mondmilito, la USSR trovis sin sub terura minaco fare de la naziaj armeoj kaj konstatis, krome, la dizertadon de sovetiaj islamanoj, Stalino vole-nevole koncedis remalfermon de moskeoj, agnoskon de la aŭtoritato de la muftio de Taŝkento, k.s. Sed 15 jaroj da subpremo jam montris efikon: La junularo malhavis religian edukon, kaj oni estis intertempe ŝanĝinta la abocojn de tiuj lingvoj kiuj skribatis antaŭe arablitere, tiel ke jam ne plu eblis, sen apartaj klopodegoj, legi la malnovajn literaturaĵojn, ekzemple la Koranon. En 1956, Nikita Ĥruŝĉovo revenis al la Lenina strategio: La sovetiaj muzulmanoj estu propagandistoj de marksismo en la islama mondo. Jam ne plu timendis la danĝeroj de 192o, ĉar la origina vervo de rezisto estis velkinta. La mahometanoj en Sovetunio fakte ne ŝajnis multo plia ol folkloraĵo. Tamen, ne tiom simplas la afero. La muzulmaneco, perdinte efektive grandaparte sian religian faktoron, akiris novan kvaliton kiun determinas - kiel okazas en multaj etnoj ankaŭ okcidenteŭropaj perdintaj la scipovon de la koncernata lingvo - la komuna tradicio. Koncedite, la kriterio ankoraŭ estas iom neklara. Temas pri revivigo de la malnovaj kulturo, kutimoj, moroj. Krome, kontraŭ la deziro de la sovetia politikistaro, en la Kaŭkazo restariĝas muzulmanaj ordenoj kiuj - laŭ taksoj de sovetiaj kompetentuloj mem - ampleksas <u>centmilojn da adeptoj</u>!

Sun tiu ĉi vidpunkto la interesiĝo de la USSR pri Maŝreko kaj pri la refortiĝo de la islamo en Irano estas facile komprenebla: Ĉu Moskvo devas prepari sin por konkreta ribelo de mahometanoj interne de Sovetunio?

## VERA AŬTONOMIO ESTAS ALIEGA!

Ankaŭ la membroj de la delegacieto de sovetiaj verkistoj, vizitante komence de tiu ĉi jaro Madridon, laŭdis Leninon kiu portis al la popoloj de la vastega lando ne nur tolon por fabriki vestaĵojn, sed same presmaŝinojn. Prave. La triopo pentris brilan bildon de la bunteco de la sovetia kulturo. Prave, se temas pri la fakto ke en pli ol 1oo lingvoj aperas gazetoj kaj libroj sciencaj kaj beletraj. Unu el la delegacianoj emfazis sian ŝaton de aŭtonomio. Prave, sed ĉu li celis tiun aŭtonomion kiun li sopiras? <u>Kia farso de aŭtonomio estas tiu kiu permesas al 265 milionoj unu saman kaj solan ideon en 13o lingvoj?</u>

Rasul Gamzatov, en intervjuo, diris ke - pro la multnombro de la skribataj lingvoj de Sovetunio - <u>estas iom bedaŭrinde verki en la rusa</u>. Ĉu tiu ĉi poeto, el la etno de la avaroj (pli ol 385.ooo parolantoj en Dagestano) eventuale aludis tiudire la ideon ke ankaŭ ekster beletro estas domaĝe ne plene utiligi la propran etnan lingvon?

u j m

# ĈINA KOLONIO: UJGURA ĤINJIANGO

La aserto, trovebla en ĉinaj libroj, ke la aŭtonoma provinco Ĥinjiango (laŭ la nova ĉina transskribo: Xinjiang) de longega tempo estis integra parto de Ĉinio kaj ĉiam havis intimajn rilatojn al ĝi, estas tre supraĵa kaj do senvalora. La veraj rilatoj estas tutsimple tiuj de koloniismo de Ĉinio kontraŭ la ujguroj, kazaĥoj, kirgizoj, taĝikoj, uzbekoj kaj tataroj vivantaj en Ĥinjiango. (Komparu kelkajn statistikaĵojn en ETNISMO 23, p. 3 - 7.) W. Zafanolli skribis en "LE MONDE" de 2o. o1. 198o ke tiu situacio de Ĥinjiango tre similas al tiu de Alĝerio kiu estis certatempe konsiderata integra parto de la Franca Respubliko!

La enloĝantoj de tiu ĉi provinco klare orientiĝas laŭ siaj okcidentaj kaj sudokcidentaj najbaroj ĝis Turkio: La ĥinjianganoj frape diferenciĝas de la ĉinoj el la vidpunktoj de lingvo, kulturo kaj religio. Kvin el la menciitaj etnoj parolas altaj-turkajn lingvojn, dum la sesa - la taĝika - eĉ estas hindeŭropa! La vest-kutimoj pensigas la vizitanton pri Afganistano aŭ Turkio, sed certe ne pri Ĉinio. Laŭdire ie en foraj lokoj virinoj surhavas ankoraŭ vualon ... La provincanoj estas grandparte islamanoj, kiel la homoj okcidente de la limoj, cetere. En tia lando, tamen, estis malpermesite publikigi la Koranon, kaj la "Kvaropa Bando" fermis la moskeojn. La kulmino de la kreado de obstakloj al normala evoluo de etna kulturo estis - ĉu oni ne konas paralelon el najbara ŝtato? - reformo de la abocoj: La ujgura kaj la kazaĥa tradicie uzadis arabajn literojn por skribado, sed ili estis akceptintaj la reformon enkondukitan en Sovetunio, kie la ŝtato estis deviginta tiujn kaj ĉiujn aliajn etnojn utiligi la cirilan litersistemon; post la fino de rus-ĉina amikeco, dum la 6o-aj jaroj, Ĉinio trudis al ili la latinan abocon. La nuntempa paralela uzado de la araba kaj la latina abocoj en Ĥinjiango evidente kontribuas al pliintensigo de la konfuzo, ĉar translime la samlingvanoj ja pluskribas cirile. Fine, kion legu ujguroj sialingve? La propralingva produktado estas - laŭdire - mizerega, kaj restas legi la tradukojn el la ĉina.

## FARSA AŬTONOMIO

Zafanolli juĝas ke la aŭtonomio oficiale koncedita al tiu ĉi provinco estas kuliso, malantaŭ kiu direktas la ĉinoj! La maksimumo estas trovi en la administraciaj servoj unu ujguron por ... traduki. La aŭtoro riproĉas al la ĉinoj laborantaj en Ĥinjiango ke ili same malmulte parolas la regionajn lingvojn kiel la francoj en Alĝerio la araban. En la plej granda librovendejo de la provinca ĉefurbo Urumĉo la vendistino, demandite pri lernolibro pri la ujgura lingvo, respondis naive: "Tio ne ekzistas. La ĉinoj ne lernas la ujguran, estas la minoritatoj kiuj lernas la ĉinan!"

Kaj la lernejoj? La gepatroj jes ja povas elekti ĉu sendi siajn infanojn al ĉinlingva lernejo aŭ al ujgurlingva (en kiu la ĉina estas la deviga unua fremda lingvo). Sed la granda plimulto de la urbanoj igas siajn infanojn frekventi la ĉinlingvan lernejon, ĉar oni vidas en la vojo de la kulturasimilado la solan esperon de socia supreniro --- kiel en pli-malpli ĉiuj kolonioj.

## ĈINA INVADO KREAS NOVAJN FAKTOJN.

La enloĝantaro de Ĥinjiango, dum la pasintaj 3o jaroj, perdadis certagrade sian personecon, ĉar envenadis ĉinoj. Dum inter la 5 milionoj da provincanoj, antaŭ 1949, estis proksimume 3oo.ooo ĉinoj, nun el 11 milionoj da enloĝantoj 4 milionoj estas ĉinoj. Tiuj fremduloj venis pro du, tri motivoj: El la multegaj ĉinaj soldatoj garnizonantaj en Ĥinjiango sufiĉa kvanto fininte la militservon restas ĉi-province kiel laboristoj en la ŝtataj bi-

enoj, ankaŭ en la administracio aŭ kiel industriaj laboristoj; la alia enmigrintaro konsistas el junaj intelektuloj tien ĉi senditaj depost 1958 por moderniĝi la landon. Tamen ŝajnas ke la ĉina registaro tute ne celas sangomiksiĝon: Plurfoje oni ripetis al Zafanolli ke geedziĝoj inter ujguroj kaj ĉinoj estas m a l p e r m e s i t a j !? La aŭtoro komprenas ĉi tiun strangegan staton kiel protekton de la ĉinoj kiuj, en interetna geedzeco, devus islamaniĝi! Laŭ la aspekto de la loĝkvartaloj de Urumĉo, tia malpermeso tute ne bezonus ekzisti, ĉar ĉinoj kaj ujguroj vivas absolute dise. Estus interese esplori ĝis kiu grado trafas la aserto ke la ĉinoj ne kaŝas rasismon kontraŭ la ne-ĉinaj minoritatoj de sia ŝtato, kiel la raportisto de "LE MONDE" konkludas el kelkaj travivaĵoj.

## ĈU LIBERALIĜO DE PRIETNA POLITIKO?

La noveta reĝimo en Pekino iom post iom ankaŭ en Ĥinjiango senteblas, en ekonomio same kiel en kulturo. En antaŭaj jaroj la registaro estis ordoninta intensigon de la gren-kultivado kontraŭe al la tradicia bestbredado de la nomadoj. La rezultoj estis katastrofaj: Kulpas la "Kvaropa Bando". Ankaŭ la projektoj pri utiligo de la sudprovincaj krudmaterialoj proksimiĝas al realigo.

Estas konstatebla ia liberaliĝo de la kulturpolitiko de la nuna registaro. Denove la ujguroj rajtas kanti siajn tradiciajn melodiojn, pro kies aŭskultado, antaŭe, la ĉinoj akuzis ilin pri adepteco de eksterlandaĵoj. La bazaro remalfermiĝis kaj substrekas la impreson esti ne en Ĉinio, sed ie sudokcidente.

## PERSPEKTIVOJ

Diversaspeca rezisto estas videbla en Ĥinjiango. Eĉ junuloj interesiĝas pri la Korano, kiun ili klopodas legi en malnova ekzemplero ĉu de la geavoj, ĉu de iuj amikoj. Tre kutimas ankoraŭ la frekventado de la diservoj, kaj oni multe praktikas preĝadon. La junaj generacioj pli kaj pli konscias pri la arbitra interrompo de siaj kulturaj rilatoj al la aliaj turkaj popoloj. Unu el la ujguraj konversacipartneroj de Zafanolli verve insistis pri la malebleco de tut-etna morto. Li ne volis kredi ke Hitlero survojis al la murdado de la juda kaj cigana etnoj. Tamen li estis sufiĉe pesimisma koncerne la eventualecon ke internacie oni pli atentos la problemojn de la ujguroj, ĉar: "Popolo sen ŝtato ne povas atendi esti aŭskultata en Unuiĝintaj Nacioj."

Kiel sintenus tiuj ujguroj kaj uzbekoj kaj aliaj kaze de milito inter Sovetunio kaj Ĉinio? Ĉu la ĉinoj povus esperi lojalecon de tiuj koloniaj popoloj? Apenaŭ. Por tion rajti esperi la supercentralisma Pekino devus evidente esence liberaligi sian politikon kaj, ekzemple, permesi muzulmanajn lernejojn kaj la republikigon de la Korano kaj ... koncedi aŭtentikan aŭtonomion al la etnaj minoritatoj de la Regno de l' Mezo. Dume, la radiostacioj de Ĉinio pentras paradizan bildon de la ujguroj kaj kazaĥoj kaj taĝikoj por ke ties sametnanoj translimaj enviu la civitanojn de Ĉinio, kaj la sovetiaj radiostacioj faras la samon por la ĉiniaj minoritatoj.

Ĉu iun tagon ujguroj, kazaĥoj, kirgizoj, taĝikoj, uzbekoj kaj tataroj vivantaj ambaŭflanke de la feŭdisma limo havos eventuale la ideon ke ili ne bezonas fremdajn mastrojn?

Evidente tra tuta Ĉinio senteblas tiu deziro pri vera aŭtonomio: En januaro 1979 la "muro de la demokratio" en Pekino surhavis subite, surprize la "Deklaracion de la Homaj Rajtoj de Ĉinio", kaj unu el la tie legeblaj postuloj estis tiu pri la "RAJTO PRI LA KOMPLETA AUTONOMIO POR LA NACIAJ MINORITATOJ". Zafanolli juĝas ke tiu postulo tre malproksimas de la ŝanco esti akceptita fare de la ĉina registaro.

* * * * * * * * * * * * * * * * *

# LA KIMRAJ LIMOJ

Kimrio ampleksas - en la oficialaj limoj de la brita administracio - 2o.763 kvkm kaj estas loĝata de 2,7 milionoj da personoj, el kiuj - en 1971 - 32.725 scipovis ekskluzive la kimran lingvon, dum 5o9.7oo parolis la kimran kaj la anglan.




----- malnova kimra limo ——— kimra limo

........... nuna administracia limo

La revuo CARN, kiu nomas sin ligilo inter la keltaj nacioj, en sia numero 3o, somero 198o, p. 22 - 24, prezentas tiun mapeton (kun kelkaj pliaj detaloj) kaj studon pri la evoluo de la kimraj limoj. Ni jen resume tradukas la origine anglalingvan artikolon:

La malnova kimra limo estas tiu kiun montras la unua presita mapo de Kimrio de Humphrey Lluyd en 1573. La orienta limo de la reĝlando de Powys estis la Severn-rivero, kaj la ĉefurbo estis Pengwern. Tiu ĉi limo estas konsiderebla kiel la finpunkto de aspiroj de libera Kimrio.
La nuna administracia limo estas - kaj ni aldonas: kiel en la plej multaj kazoj tra Eŭropo kaj la tuta mondo! - artefarita, ĉar kimroj vivas ambaŭflanke de tiu linio kiun la aŭtoro konsideras internacie nevalida.
La kimra limo rezultas el du-jara esplorado plej diverskampa. La teritorio

inter la administracia kaj la kimra limoj estas nomebla "kimra lando sub angla administrado", kiel pruvas ĝisfunda studado pri la historio kaj pri la loknomoj.

Kimrio depost 1284 estis princlando sub la angla reĝo, kaj ekde 1301 la angla tronpretendanto estas nomata "Princo de Kimrio" por ke neniu kimra nobelo okupu tiun lokon! En 1536 la formala aparteco de Kimrio estis nuligita, kaj la lando ek-regatis kiel kiu ajn parto de la angla regno. Sed la fakto ke ankoraŭ 37 jarojn poste la menciita unua mapo de Kimrio enhavas la malnovan limon, dokumentas ke oni klare akceptis la kimrecon de la orienta zono.

La teritorioj, pli-malpli malvastaj, inter la kimra kaj la administracia limoj estis aneksitaj ĉu antaŭ 1536, ĉu en tiu ĉi sama jaro. La aŭtoro ankaŭ eksplikas kelkajn historiajn eventojn kutime negativarezultajn por la kimroj.

La artikolo estas jene subskribita: Eurig ap Gwilym
Pencenedl, CENEDL CYMRU RYDD.
Swyddog Ymohwil, Research Officer,
Cofiwn.

---

C e t e r e, ĉu vi interesiĝas pri keltaj aferoj? Ĉu vi deziras specimenon de CARN? Turnu vin al iu el la sekvantaj adresoj:

Kelta Ligo ("Celtic League") kaj redakcio de CARN: Alan Heusaff, 9 Bóthar Cnoc Sion, ÁTH CLIATH 9, Ejro.

Delegacioj en:

Skotlando: S-ino Màiri Denovan, 9 Dalgleish Road, DUNDEE DD4 7JN.

Kimrio: Tomos Ifor Williams, Ty'n Pwll, RHOSTREHWFA LL77 7AZ, Gwynedd.

Bretonio: Jorj ab Herve-Gwegen, Kervean al Liorzou, F-29235 GWINEVEZ/PLOUNEVEZ-LOCHRIST.

Ejro: Cathal Ó Luain, 33 Bóthar Bancroft, TAMHLACHT, Co. Átha Cliath.

Kornvalo: Jenefer Lowe, Boundy's House, Lower Lelant, ST. IVES.

Mankso: Bernard Moffat, 24 St. Germain's Place, PEEL.

Londono: Micheál Ó Laoire, c/o 84 Pulleyns Ave., East Ham, LONDON E6 3LZ.

Usono: Eadhmonn Ua Cuinn, 2 Walton Drive, NEW HOPE, 18938.

---

# LLAIS LLYFRAU

Kvarfoje ĉiujare aperas kajero de LLAIS LLYFRAU (t.e.: LIBRO-VOĈO), kies ĉefa parto estas kimralingva, dum la malpli ampleksa parto estas angla sub la titolo BOOK NEWS FROM WALES (t.e.: LIBRO-INFORMOJ EL KIMRIO). La ĉi-aŭtuna numero (A-4-formata, 48-paĝa, presita) prezentas diversajn intervjuojn kaj raportojn. Aparte interesas listo de aktualaj publikigitaĵoj el la monatoj aprilo ĝis junio 1980. Inter multaj aliaj, kimralingvaj same kiel anglalingvaj, ni trovis du titolojn supozeble interesajn ĝenerale:

D.B. GREGOR: Celtic - A Comparative Study. The Oleander Press, Cambridge, 398 p., ISBN 0 900891-56-4, 5,95 pundoj.
Laŭ samnumera recenzo, tiu ĉi libro eksplikas en siaj unuaj kvar ĉapitroj la situacion de la prakeltoj, dum la sekvantaj ses ĉapitroj estas dediĉitaj al la nunaj branĉoj de la kelta "familio". En la tri lastaj partoj, la aŭtoro traktas la dekadencon de kelta parolado kaj ties kaŭzojn, fine la reviglîĝon/reviviĝon de la keltaj lingvoj kaj kulturoj.

STEPHEN J. WILLIAMS: A Welsh Grammar. University of Wales Press, Aberystwyth (?), 184 p., ISBN 0 7083-0737-X, 4,95 pundoj.

# NACIA MALHONORO

Jam dum aro da jaroj ripetiĝadas informoj pri la mizerega situacio de la indiĝenoj aŭstraliaj. Ŝajnas nenia troigo se oni nomas la sintenon de la tiulandaj blankuloj simple, sed trafe RASISMO. Ĉu ne?

- Ĉu estas signo de justeco kaj egaleco ke la "normalaj" aŭstralianoj ĵetas sian rubon antaŭ la barakojn de la tantjatiroj?
- Ĉu estas karakterizaĵo de respekto al la homaj rajtoj ke la aŭstralia registaro nur en 1967 (jes ja: mil NAŬCENT sesdek sep) agnoskis la indiĝenojn kiel civitanojn de Aŭstralio?
- Ĉu estas sekvo el la eŭropa humanismo kaj raciismo ke ankoraŭ ĉirkaŭ la jaro 19oo apartenis al la kulminoj de la socia vivo kampara ĉasi indiĝenojn?
- Ĉu la blankuloj trankvilus se el 1.ooo blankhaŭtaj beboj formortus 1o8 antaŭ ol unu-jariĝi?
- Ĉu la registaro de Aŭstralio jam inventis ian pravigon sur kies bazo oni ne bezonas suferi konsciencajn turmentojn pro la vegetado de tiuj proksimume 8o.ooo aŭtentikaj indiĝenoj meze en la abundecosocio?



Jen ano de la Vajlibri-tribo ŝminkita por dancfesto: Kiel bone se tio reprezentus la ĉiutagan realon!

Kiam la eŭropanoj komence de la 17-a jarcento surpaŝis aŭstralian teron, la plej diversaj indiĝenaj etnoj jam hejmis tie de pli ol 2o.ooo jaroj! Ja konatas ke la eŭropanoj (kaj ties alikontinentaj idoj) arogis al si multajn rajtojn kontraŭ kiuj ajn indiĝenoj. Dum la blankuloj multobliĝis la tiutempaj 3oo.ooo aŭstraliaj indiĝenoj malplimultiĝis draste.

Konsentite, la tiukontinentaj indiĝenoj troviĝas sur multege malpli alta nivelo de civilizacio ol, ekzemple, angloj kaj danoj. Ilia arto, aliaflanke, atingis absolute kompareblan kun eŭropaj produktoj estetikan gradon. Sed la blankuloj tute ne portas al la aŭstralianoj sian civilizacion, lasante la indiĝenojn vegeti kaj morti inter betono.

Kiel efektivaj koloniistoj, la registaro kaj la en- kaj eksterlandaj industriistoj ekspluatas la teritoriojn de la indiĝenoj senkonsidere de ties interesoj kaj rajtoj multe pli malnovaj ol la blankulaj. La kvazaŭ-magneto logeganta la industrion nomiĝas u r a n i o ! Ankaŭ aliaj ercoj kaj petrolo promesas riĉecon al la akcikompanioj (ankaŭ FR-germanaj).
Ĉu la "Nacia Indiĝena Konferenco", ekaginta en 1977, sukcesos produkti, en siaj interparoloj kun la partioj, la intencatan "ŝtatkontrakton" por certigi la indiĝenojn pri iliaj rajtoj?

* * * * * * * * * * *

# IKEL-INFORMILO 6




## 1. PLIALTIGO DE KOTIZOJ

Pro la ĉi-jara plikostigo de la presado de ETNISMO ne estas eviteble - post pli ol 5-jara konstanteco - adapti la jarkotizon de abono: Ekde numero 27, t.e. la unua numero de 1981, ETNISMO kostos 1o,-- germanajn markojn.

Ĉar IKEL ne povas permesi al si malkreskon de siaj elspezoj dum ĉiuj elspezoj pligrandiĝas, la estraro de IKEL decidis ŝanĝi la membrokotizon: Ekde 1981 ĉiu membro de IKEL bonvolu pagi 22,-- gm ĉiujare. Evidente ĉi tiu membrokotizo - kiel ĝis nun - inkluzivas la abonon de ETNISMO.

## 2. POŜTĜIRKONTO POR IKEL-KOTIZOJ

La estraro petas la IKEL-membrojn laŭeble ĝiri la kotizon por membreco al la nova poŝtkonto (kies titolo estas: Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D-519o Stolberg, FRG) n-ro 2 2 7 1 7 2 - 3 o 3

ĝircentro Hannover .

La kasisto de IKEL disigos el via ĝiraĵo tiun parton kiu koncernas ETNISMO-n. Se vi ne povas poŝte ĝiri vian kotizon, nepre aldonu 3,-- gm por kovri la kromkostojn de traktado de ĉekoj kaj bankaj ĝiroj.

## 3. DEMANDOJ KAJ SUGESTOJ

IKEL-membro Josef HELL (jun.), Feichten 1, D-8223 Oberfeldkirchen, FRG, jam ĉi-printempe faris jenajn demandojn kaj sugestis ĉi-sekvajn difinojn:

1) Ĉu etna protektado okazu per/kun, malgraŭ aŭ sen civilizo?
2) Kiel oni traktu la lingvan problemon ekzemple en Novgvineo?
3) Ĉu malkreskos la etnoj dum kreskos la mondanoj?
4) Kiu institucio siakaraktere kompetentas pri etnaj problemoj? Ĉu UN?

Koncerne la diskutadon pri terminoj, i.a. ETNO, Josef Hell sugestas jenon:

ETNO - precipe lingva komunumo, senkonsidero de politikaj realoj;
NACIO - politika-ŝtata travivo-, volo- kaj sorto-komunumo sen devige lingva unueco;
TRIBO - malgranda "sovaĝa" politika unuo, kompreneble kun propra dialekto respektive lingvo;
GENTO - "antaŭulo" de la etno (la gota, la retia gentoj kiuj ja estis dividitaj);
DEMO - la tuta popolo kontraŭe al superaj klasoj, sed ne nepre en la senco de "malriĉularo" (vidu: "demokratio");
POPOLO - iu pli-malpli delonga enloĝantaro de certa regiono.

K i u k o m e n t o s ? Sendu viajn sugestojn al la ETNISMO-adreso!

---

*Etnismo* *Informilo pri etnaj problemoj*

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D-519o Stolberg (FRG), tel.: (49-24o2) 72336, poŝtĝirkonto: 232612-3o6 Hannover.

ETNISMO aperas 3 fojojn jare. Tiu ĉi estas la tria numero de 198o.

Jarabono (kalendara jaro): 1o,-- gm (11 internaciaj respondkuponoj).
(La IKEL-kotizo de 22,-- gm jam inkluzivas la abonon de ETNISMO.)

Nepre NE sendu ĉekojn sen antaŭa interkonsento! Evitu BANKAJN ĝirojn el eksterlando, ĉar mia banko kutime subtrahas konsiderindan parton el la ĝiraĵo/ĉeksumo kaj ... ETNISMO suferas altigon de la jama deficito!